# IRĒJO - Bulteno

**Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

N-ro : 13 Februaro-Marto 1996 Báhmán-Esfánd 1374


# Pasporta Servo




## Unika servo en Esperantujo

## Adresoj

**IREJO - Bulteno**

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaborantoj : Fáriba Nuri Máĝd, Monire Fáhmi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Telekopiilo : (+98) 21 363232 □Telefono : (+98) 21 4506503 □E-poŝto : karimi@eco.atu.ac.ir ■

---

**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto*** : M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba Nuri Máĝd (Virinaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6612445

***Komisiitoj*** :

- Ĝámŝid Áhmádi (Sciencaj aferoj) p/a : IREJO
- Ábdollah Hákim Neĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO

---

**La 6a Ĝenerala IREJO-Kunveno**

*"Antaŭ Novruza Renkontiĝo"*

*Dato : 24 12 1374 (14 3 1996)*

*Ejo : IREJO-sidejo, Tehrano :*

*72,k:Násim, kh:4, Sárve ŝárgi, Mejdane Kaĝ, Sáadát Abad*

# Saluton!

Estas fakto ke Irana esperantistaro ne movadumas. Eble ekzistas kelkaj kapablaj Esperantistoj en nia lando, sed movadulojn ni mankas. Iranaj esperantistoj ĉu novaj ĉu malnovaj apenaŭ scias pri la E-o movado. Do, ni celas laŭ nia kapablo kaj ebleco en nia bulteno aperigi bazajn informojn pri E-o movado kaj Esperantaj organizaĵoj.

Esperanton disvastigas movaduloj, kiuj bone estas informitaj pri la historio de E-o kaj ĉiam havas kontaktojn kun la aliaj aktivuloj kaj movadaj organizaĵoj tutmonde. Estas la tasko de ni ĉiuj, se ni sentas nin aktivaj, akiri aktualajn informojn pri E-o movado tra la mondo kaj uzi nian informadon laŭ la situacio de nia socio.

En tiu ĉi numero vi legas pri Pasporta Servo, iom ne konata afero al Irana esperantistaro. Nia multvojaĝanta s-ano Golam Reza Azárhuŝáng, partoprenis en la 4a Afrika kongreso, kies raporton vi legas sur la paĝo 10.

Mi esperas ricevi reagojn de niaj gesamideanoj, ĉu estas ĝuste ke al Irana esperantistaro mankas movadan informadon aŭ ne? Antaŭ la jarfino ni havos renkontiĝon en Tehrano kaj mi esperas en tiu kunveno vidi vin, kaj ni arde diskutu pri la afero.

Kun koraj salutoj!

*La Red.*

---

***Enhavo :*** ***Paĝo***



---

*La 7-a Ĝenerala IREJO-Kunveno*
*"Printempa Renkontiĝo"*
*Dato : 3. 3. 1375 (24. 5. 1996)*

asporta Servo estas servo de la Esperanto-movado por Esperanto-parolantoj. Ĝiaj membroj havas la eblecon ricevi senpagan gastadon. Ĉiu kiu posedas propran ekzempleron de la listo de gastigantoj estas membro, kaj rajtas uzi sian liston por trovi gastiĝon.

La listo estas persona. Oni ne rajtas prunti sian liston al alia persono. Por ke la listo validu, ĝi devas havi la nomon de la posedanto sur la kovrilo.

Gastigado pere de Pasporta Servo ne nepre estas luksa. Ĉiuj variantoj ekzistas, de surplanka dormado en propra dormsako, ĝis rajto je utiligo de tuta domo.

Kaj ne forgesu : Pasporta Servo estas servo por Esperanto-parolantoj, do ĝiaj membroj devas scii Esperanton!

***Kiel mi fariĝas membro?***

Ekzistas du manieroj membriĝi:

1. Oni aĉetas la liston de gastigantoj, kaj skribas sian nomon sur la kovrilon. Ĉiujare nova listo estas eldonata; ĉiu listo validas ĝis la sekva eldono.
2. Oni fariĝas gastiganto. Ĉiu kiu mem aperas en la listo kiel gastiganto senpage ricevas ekzempleron de la listo, kaj tiel fariĝas membro. Gastiganto devas ĉiujare konfirmi ke li volas resti en la listo.

***Kie mi povas aĉeti la liston?***

Preskaŭ ĉiu libroservo disponas pri stoko da listoj, kaj ankaŭ pere de kelkaj landaj sekcioj de TEJO oni povas aceti ĝin,. Ĉiam eblas mendi rekte de UEA. Gastigantoj aŭtomate ricevas senpagan ekzempleron.

***Kiel mi fariĝas gastiganto?***

Plenigu la koncernan aliĝilon, kaj sendu ĝin al la kompilanto de Pasporta Servo. (La aliĝilo ĉiam haveblas ĉe IREJO).

***Kiel mi povas uzi la liston?***

Ĉu vi volas gasti ĉe iu gastiganto? Sekvu la instrukciojn de la gastigantoj kiuj aperas en la listo (ekzemple antaŭa skriba aŭ telefona peto, nombro da eblaj tagoj aŭ gastoj, k.t.p). la gastado inkluzivas senpagan tranoktadon; pri aliaj aferoj (manĝoj, vizito de urbo k.s) oni devas ĉiam interkonsenti kun la gastiganto.

***Kiuj prizorgas la liston?***

La kompilanto de Pasporta Servo ricevas ĉiujn informojn (aliĝilojn, realiĝojn, ŝanĝojn) de la gastigantoj kaj aldonas tiujn en la liston. Helpas lin la Lokaj Perantoj kaj Landaj Organizantoj kiuj serĉas novajn

gastigantojn en sia urbo aû lando. Ili krome ĉiam povas informi vin pri la loka situacio, kaj helpi vin trovi gastiganton.

Ni invitas vin bone uzi Pasportan Servon, kaj deziras al vi agrablajn gastadon kaj gastigadon!

*Demandoj kaj respondoj rilate la aliĝilon.*

***Kiuj devas sendi aliĝilon?***

Ĉiuj kiuj volas aperi en la venonta eldono de Pasporta Servo devas sendi aliĝilon al la kompilanto, do ankaû la homoj kiuj jam estas listigitaj en la nuna eldono. Gastigantoj kiuj ne realiĝas aûtomate elfalos kaj ne aperos en la listo de la sekva jaro.

***Kiel mi devas plenigi la aliĝilon?***

Aliĝiloj kiuj ne estas skribitaj latinlitere aû cirile ne estas traktitaj. Se via lingvo uzas cirilajn literojn, ne latinliterigu viajn nomon kaj adreson. Tion faras la kompilanto mem, laû unueca sistemo. Plej bone estas tajpi vian aliĝilon (aû eventuale preslitere skribi) por eviti misojn aû malfacilaĵojn pro malfacila deĉifreblo.

***Kial mi ne esperantigu mian adreson?***

Nepre ne esperantigu vian adreson (nek vian nomon)! Vian adreson uzos la poŝtistoj, kiuj bedaûrinde plej ofte ne scipovas Esperanton. Do ne uzu vortojn kiel poŝtkesto, strato, k.t.p, sed la respondajn vortojn en via lingvo. Se vi tamen sendas aliĝilon kun esperantigita adreso vi riskas ne aperi en Pasporta Servo nur pro tio.

***Kiam mi sendu la (re)aliĝilon?***

Sendu vian (re)aliĝilon al TEJO:
Pasporta Servo de TEJO, Nieuwe Binnenweg 176,
NL-3015 BJ ROTTERDAM, NEDERLANDO.
tie ankaû haveblas informiloj, aliĝiloj kaj ...

se vi sendas realiĝilon kun ŝanĝoj pro transloĝiĝo, nepre indiku ankaû la malnova(j)n urbon kaj/aû landon.

Se vi volas uzi aldonan folion por plia aliĝilo aû por aldonaj informoj/informpetoj, bonvolu uzi paperon en la sama formato kiel la aliĝilo.

*IREJO respondeculo pri Pasporta Servo estas Hámzeh Ŝáfii, se vi deziras fariĝi membro de Pasporta Servo, ne perdu la tempon kaj tuj mendu la aliĝilon por ke ankaû vi aperi en la Pasporta Servo 1996!. Ĉar ĝi ankoraû ne estas eldonita kaj post du monatoj eldoniĝos.*

*tutmonda esperantista junulara organizo*
Rotterdam 19.12.1995
SUBVENCIOJ EL FONDAĴO PARTOPRENO IJK EN 1996

La Fondaĵo Partopreno IJK de TEJO celas partoprenigi en la TEJO-kongresoj aktivajn, junajn esperantistojn kiuj ne havas sufiĉe da mono por la vojaĝo kaj restado. La Fondaĵo povas helpi ilin per subvencio de la vojaĝo aŭ la kongreskotizo.

La fondaĵon nutras la profitoj de la Internaciaj Junularaj Kongresoj, plus laŭvolaj donacoj de individuaj esperantistoj. Ĉiujare la Estraro de TEJO povas elspezi maksimume 25% de la kapitalo; kiel tiu sumo estos uzata dependas i.a. de la situo de la kongreslando.

GUNTERSBERGE 1996

En 1996, TEJO denove subvencios kelkajn aktivajn junajn esperantistojn el B-landoj (laŭ la difino en la IJK-aliĝilo) kiuj deziras partopreni la 52an IJK-n en Guntersberge, Germanio, 29 jul-3 aŭg. Disponeblas subvencioj de maksimume NLG 200.

Kandidatoj estu en la TEJO-aĝo (maks. 30 jaraj) kaj skribu leteron, en kiu ili informu pri sia aĝo, okupo kaj Esperanto-aktivado; la letero alvenu en la Centra Oficejo en Rotterdom antaŭ la 1-a de aprilo 1996. Nepre indiku la sumon - inter NLG 0 kaj 200 - kiun vi bezonas por partopreni la IJK-n. Se vi bezonas malpli ol la maksimumo, ni povas subvencii pli da homoj ... do tio plialtigas viajn ŝancojn.

TEJO informos la subvencitojn kiel eble rapide post la decido, kaj elpagos la subvenciojn dum la IJK.

Limdato : 1-a de aprilo 1996!

Amike salutas, *Kjell Heggvold Ullestad, Centra Oficejo de TEJO*

---

52a Internacia Junulara kongreso
*Guntersberge - Germanio*
29a de julio ĝis 5a de aŭgusto 1996
**Temo** : *FORMOJ DE KUNVIVADO*
Adreso de landa kongresa komitato(LKK):
52a IJK, p/a Germana Esperanto-Junularo
Chauseestr.8, DE-10115 Berlin, Germanio
Telefono : +49 30 2834320, Telekopiilo : +49 30 2834320
Elektronika poŝto : a2616351@hpw1.rrz.uni-koeln.de




## STRAT-ANGULO

1. OKULISTO
2. PSIKO-TERAPIISTO
3. ANTENOJ
4. SES-ETAĜA DOMO
5. AŬTOBUSO = BUSO
6. TOL-MARKEZO
7. KAFEJA TABLO
8. KELNERO
9. TROTUARO
10. TRI-CIKLO
11. MOTOR-CIKLO
12. MONTRO-FENESTRO DE "LAST-MODA BUTIKO"
13. HOTELA EN-IREJO
14. TRAFIK-LUMO = SEMAFORO
15. AŬTOMOBILO = AŬTO
16. STRAT-ANGULO
17. TRA-IREJO = PASEJO: ZEBRO-STRIA
18. PIED-IRANTOJ
19. POLICANO

a. TERASO
b. SUPRA ETAĜO
c. TER-ETAĜO
ĉ. MAN-SAKO
d. VALIZO
e. KOFRO
f. LUM-ĴETILO: VOJ-LAMPO
g. RETRO-SPEGULO
ĝ. KASKO
h. POLICA BASTONO = KAP-ROMPILO

### *Sádi la majstro de literaturo*

*"Ŝejĥ Mosleh-ed-din Sádi Ŝirazi" (ĉ. 1185-1269) estas famekonata poeto kaj verkisto de Irano. Lin oni konas kiel la sinjoro de la persa literaturo. Sádi havas du ĉefverkojn : "Golestan" kaj " Bustan", ĉi sube estas tradukitaj fragmentoj el Golestan.*

Reĝo piulo diris : Ĉu iam min vi memoras? La piulo respondis : jes tiam kiam mi forgesus Dion.

ooo

Grandulon en asembleo oni tre admiris kaj pri liaj bonecoj troigis. Li diris : Mi estas tiu, kiun mi scias.

ooo

Maljunulon oni demandis: Kial vi ne edziĝas. Respondis li: Kun maljunulinoj mi ne havas plezuron. Oni diris: Junulinon edziĝu, ĉar vi havas sufiĉan posedaĵon. Li respondis: Kiam mi estas maljuna kaj ne emas maljunulinojn kiel junulinoj min emos?

ooo

Piulo pezlevaĵiston vidis freneze kolera, la kialon demandis. Oni respondis: iu diris, malbonaĵon al li. La piulo diris: kiel li prenas la pezajn pezilojn pacience sed ne povas toleri vortaĉon?

ooo

Saĝulon demandis : kiu estas pli bona? Ĉu malavareco aŭ braveco? Li respondis: malavarulo ne bezonas bravecon.

ooo

Du specoj da homoj vane suferadis kaj senutile penadis: Tiu kiu ŝparis kaj ne uzis ĝin, alie tiu, kiu lernis sed ne praktikis.

ooo

Loghmanon* demandis : kiel vi lernis ĝentilecon? Li respondis: de malĝentiluloj, ĉiojn, kiojn ili faris kaj ŝajnis al mi malagrabla, mi ne faris tiujn.

*Esperantigis : M.Reza Torabi & Fáriba Nuri Máĝd*

* Loghman : Sciencula simbolo en Islama tradicio.

---

### *"La urbo de infanoj"*

Iun tagon Aleksander-la granda-eniris urbon nekonatan kaj trapasinte ties tombejon, li scivole legis la tomboskribaĵojn. Li ekrimarkis, ke multaj infanoj de unu ĝis dek jaraĝoj kuŝis jam en la tombejo. Ju pli li serĉis, des pli li vidis, ke la tuto de la mortintoj estas infanoj kaj homoj pli aĝaj ne estas entombigitaj tie. Unue li pensis :ĉu pesto, ĥolero, kaj akcidento speciala estas falinta sur la infanoj de tiu urbo?

Li serĉis la kaŭzon. De unu sofio maljuna, li demandis pri tio. La maljunulo mondvida, responde diris : "Tiuj ĉi mortintoj, kies tomboŝtonoj markas malpli ol dek jaraĝoj, ŝajne estas infanoj, laŭ nia rito, tiu parto de la vivo neglekte uzita nur en preparado de riĉo, manĝo, vesto, ludo kaj distraĵo ne kalkulindas kiel la vera vivo. Post la fino de la vivo, la parton, kion la mortinto jam pasigis en studado, arto, servi la homojn sincere estas la bazo en nia kalkulado! Ni sumigas, ekzemple iĝas tri jaroj kaj ok monatoj aŭ ses jaroj kaj du monatoj, poste ni tiun skribas sur la tomboŝtonoj, ĉar ni kredas ke la vivo kaj tempo ne utiligita en studado, scienco kaj homservado ne estas nia vera kaj utila vivo!"

Vere! Kiom da aĝoj mi kaj vi havas? Kaj eĉ kiom da monatoj!!

*Tradukis : M.Fáhmi*

*B.V Ĝustigi :*

*En la 12-a n-ro paĝo 13 linio 6 "peco da halvao" estas ĝust. Ankaŭ linie 9 "se vi volas halvaon" estas ĝusta.*

---

## *Maksimoj de Imamo Ĥomejni :*

علم و صنعت مورد تاکید اسلام و قرآن مجید است.

*Scienco kaj teknologio estas jam emfazitaj en Islamo kaj La Nobla Korano.*

از امور بسیار با اهمیت و سرنوشت ساز مساله مراکز تعلیم و تربیت از کودکستانها تا دانشگاههاست.

*El la tre gravaj kaj sortigaj aferoj estas la problemo de edukadaj centroj - infanlernejoj ĝis universitatoj.*

برای ایران مستقل و آزاد فعالیت نمایید تا کشور و ملت از شر مخالفین نجات پیدا کند.

*Aktivu por sendependa kaj libera Irano ĝis la lando kaj la nacio saviĝu el kontraŭuloj malicaj.*

زندگی انسانی شرافتمندانه را ولو با مشکلات، بر زندگانی ننگین بردگی اجانب ولو با رفاه حیوانی ترجیح دهید.

*Honorindan humanan vivon eĉ kun malfacilaĵoj preferu al malhonora vivo [t.e.] sklaveco de fremduloj, eĉ kun brutala senĝenco.*

*Esperantigis : A . Hákim Neĵad*

# Kvara Afrika Kongreso

Ekde la 28-a de decembro 1995 ĝis 3-a de januaro 1996, okazis Kvara Afrika Kongreso en Tanzanio, urbo Moshi, kiu troviĝas sur la piedo de la fama monto "Klimanĝaro".

Pro la flugprogramoj, el Irano, mi devige ekkomencis mian vojaĝon al Tanzaniao en la 23-a de decembro tra la Dubai. La postan tagon, je la 9:30 matene mi atingis al flughaveno Dar-es-sálam. Fakte ĝis tiam mi sentis grandan entuziasmon kaj maltrankvilecon, ĉar mi havis nur faksvizon helpe de S-ro Constantine MASHAURI sekretario de TEA(Tanzania Esperanto Asocio) kaj prezidato de KVAK kaj S-ro Hurst GRUNER sekretario pri kultura afero de Germana ambasadorejo en Tanzania kaj kasisto de KVAK, sed ĉu ĝi estos akceptebla, ja estis demando?!

Atendante en la ne longa vico de pasaĝeroj antaû emigracia polico feliĉe mi vidis fraûlinon Nyambona MASSAMBA, kiu penis montri skribite mian nomon sur granda papero al pasaĝeroj por trovi min, do mi tuj prezentis min a ŝi kaj deposte ĉiuj aferoj iris tre glate kaj sen probleme en Tanzanio.

Du tagoj mi restis en Dar-es-sálam kaj poste je la 26a de decembro matene ni triope (mi, s-ro Gruner kaj F-ino Massamba) vojaĝis al urbo Moshi. Sur voje mi vidis diversajn aspektojn de la vivmanieroj de afrikanoj, urbetojn, vilaĝojn, kampojn, arbarojn, duonnudajn homojn, kiuj loĝis en kabanoj konstruitj per branĉoj kun pajlotegmentoj ktp.

Estis interese, kiam mi volis foti homojn, ili aû postulis monon aû tute rifuzis kredante ke la fotisto eblus regi al ilia sprito.

Post tagmeze, mi atingis al kongresejo, kiu estis en "internacia lernejo Moshi", tre luksa kaj moderna lernejo en belega naturloko. Diversspecaj floroj kaj flor-arboj ĉie estis videblaj, la monto Klimanĝaro kun pinto ĉiam neĝkovrita, kiel Dámavánd, kuŝante nur frumatene kaj vespere demetis sian nuboveston kaj afable permesis oni vidi ĝian belegan mamon.

Mi kun LKK-anoj por akcepti Eûropanojn, kiuj voils partopreni la kongreson, iris al internacia Aruŝa flughaveno je la 9-a vespere. Ili estis ok personoj el diversaj landoj.

En la 28-a de decembro antaû la malferma tago de kongreso, ni ĉiuj eksterlandanoj havis tre interesan tuttagan ekskurson en la plej granda nacia parko en afrika kontinento, kiu nomiĝas "Aruŝa". Diversaj sovaĝaj bestoj kaj birdoj troviĝas tie kaj vi povas de malproksime aû estante en la aûto(landrover) vidi aû foti ilin. Laû dire por vidi ĉiujn partojn de la parko per aûto oni bezonas kelkajn tagojn. Ni sukcesis tre alproksimiĝi al kelkaj bestoj kaj birdoj kaj foti ilin. La nacia parko turisme havas grandan rolon en la ekonomio de la lando.

Je la 29-a de decembro okazis solena malfermo matene en salono Zamenhof. Pro ne atendita afero regionestro kiel honora gasto ne sukcesis partopreni kaj sendis sian reprezentanton al la kongreso. Li kiu respondecis pri

edukadaj aferoj dum sia prelego esprimis ke pro la okazo de kongreso iom informiĝis pri Esperanto kaj tre bedaŭris pro la manko de esperantistoj en sia regiono. Li promesis, ke lia ĉambro ĉiam estos malfermata al esperantistoj.

Bedaŭrinde, pro multaj malfacilaĵoj ĉefe financaj kaj veturproblemoj ĝis tiam multaj anoncitaj homoj ne sukcesis alveni, sed ili iom post iom alvenis kaj ni entute estis 39 personoj, 9 el Eŭropaj landoj, du el Zairio, du el Zimbabove, unu el Malavio, 24 personoj el Tanzanio kaj mi el Irano.

Ĉiutage okazis du kursoj, esperanta kurso por progresantojj kaj Jumeiho-terapia kurso kiun mi gvidis. Ni ĉiuj ankaŭ havis duontagan ekskurson sur piedoj de Klimanĝaro kaj ĝuis la belan akvofalon kaj verdan naturon en bona etso.

La ĉefa temo de la kongreso estis "Afrika kontinento, espero aŭ malespero" tiu temo, signifas, ĉu estas espero por evoluiĝi kaj progresi kiel aliaj kontinentoj aŭ ne? Se jes, kial kaj kiel? Se ne, kiaj estas la malhelpoj? Ni multe diskutis en diversaj kampoj, pri ekonomia, geografia, politika, geopolitika kaj edukada situacioj. Ni konstatis, ke estas espero, sed malhelpoj estas multege. Afrikanoj devas konscie pri siaj eblecoj kondiĉoj kaj roloj en la monda ekonomio kaj komercaj situacioj trovi sian apartan vojon memstare kunlaborante kun aliaj kontinentoj Ĉi-terene ankaŭ esperantistoj malgraŭ siaj tre malgrandaj roloj povas helpi ilin.

Dum 1-a de januaro Tanzanioj havis diskuton pri E-movado en sia lando kaj pottagmeze okazi elektado de novetrarano.

Dum kongreso, ni ankaŭ havis Tanzania vespero kaj oni ludis teatraĵon celante prezenti sian kulturon kaj muzikon. Ankaŭ lasta vespero de malnova jaro(1995) oni aranĝis por ni prezentadon de diversaj tipoj de afrikaj muzikoj, kantoj, kaj dancoj. Unu profesia grupo plenumis ĝin kiu estis tre interesa.

Dum la malfermo solena, kiu okazis en 2-a de januaro, partoprenis vicministrino de edukado, kaj legis la skrib-prelegon de la ministro. Li en sia skribita prelego, emfazis ke esperanto lingvo estas tre utila kaj esperis ĝi esti uzata en mondkomunikado. Antaŭ la prelego, ŝi vizitis malgrandan ekspozicion pri Esperantaĵoj. Mi donacis al ŝi libron de S-ino Nezami, "Kvar sezonoj" Hajkoj poemoj, aperita kvar lingve Persa, Japana, Esperanta kaj Angla.

Entute, Kvara Afrika Kongreso, malgraŭ multaj problemoj rilte al Afrika kontinento, sukcese okazis. Kompreneble sen UEA subteno ĝi nur povus esti revo. S-ro Gruner el Germanio ankaŭ havis grandan rolon por sukcesigi ĝin. S-ino Antita DAGMARSDOTTER el Svedio, nomita patrino de TEA aktive partoprenis kaj estis tre zorgema.

Koran dankon al helpantoj kaj grandan gratuon al LKK-anoj.

Golam Reza Azárhuŝáng - Tehrano

*El Nederlando:*

Estimataj geredaktoroj,

La 12an numero de via bulteno (mi havas ankaŭ la 7-an kaj la 9-an) definitive konvinkis min, ke same kiel IREJO, ankaŭ ĝia eldonaĵo estas altvalora.

Mi sincere gratulas al vi kaj deziras multajn sukcesojn en via estonta agado.

Kuraĝigite per via propra alvoko esprimi opinion pri la bulteno, jen kelkaj rimarkoj : la enhavo estas interesa, varia. Aparte interese estis por mi legi pri la ekspozicio en Ĥaváran kulturejo kaj pri la prezento de Mazi ...

nepre mankas la mencio pri la abono de IREJO-Bulteno! Mi mem ŝatus scii kiamaniere mi certigu ĝian regulan ricevadon. Amike salutas vin kandidato por abono.

*Mila Van Der Horst (Internacia Esperanto Instituto)*

*El Brazilio (Retpoŝte) :*

Estimata Reza,

Ricevi la dekduan, bone aranĝitan numeron de IREJO-Bulteno plenigis min je ĝojo : konstateblas via aktiveco, la temoj estas variaj kaj ni havas informojn pri via movado.

Ĉefe tio-ĉi mankas al ni. Ekzemple tie-ĉi, en Brazilo mankas informoj pri mezorientaj landoj, sed aparte pri la via, kvankam loĝas en mia regiono irananoj kaj araboj. Legi pri viaj regionoj (ekz. Savalano) estas do neordinara sperto por mi.

Esperantujo ne estas kompleta dum mankos en ĝi pli kaj pli aktiva voĉo el la islama mondo, kaj dum ne vidiĝos vortoj kiuj respegulas orientajn realojn. Kaj mi ĝojas, ke en Irano gejunuloj, kiel ni elstare antaŭenigas tiun laboron. Gratulon! Ni, en TEJO restas je via dispono por daŭra kunlaborado. Kiel vi scias, ĝi havas grandajn financajn rimedojn, sed ĝi ja estas riĉa je spertoj, kiujn ni povas kaj devas uzi. kun amikaj salutoj al vi kaj ĉiuj IREJO-aktivuloj.

*James Rezende Piton, TEJO-estrarano(informado; latinameriko)*

*El francio :*

Karaj geamikoj,

Mi ĵus ricevis vian informilon kaj volonte legis ĝin. Kiel vi skribas "neniu movado sukcesos sen la potancialo de la junularo". Via analizo tre similas al analizo, kiun povas fari ekzemple JEFO, la Franca junularo sekcio de TEJO. Informi, instrui, konigi la lingvon kaj ĝiajn atingojn restas nia ĉefa tasko tra la tuta mondo.

Vi antaŭvidas lumon kaj esperigan estontecon, mi esperas, ke samos la jaro baldaŭ komenciĝanta por vi kaj viaj familioj.

*Renee TRIOLLE (UEA-Vicprezidantino)*

## Novaĵoj

***Koncize pri la 5a IREJO kunveno***

Okazinte 23.9.1374(14.12.1995)

En la kunveno partoprenis 21 gesamideanoj el kiuj sep uloj estis unua foja partoprenantoj.

La ĉeftemo estis kian strategion por IREJO? M.Reza Torabi esprimis sian vidpunkton al la ĉeestantoj. Ábdollah Hákim Neĵad kaj Golam Reza Azárhuŝáng ankaŭ detale esprimis siajn vidpunktojn pri la ĉeftemo.

La majstro Aref Ázári faris konkludon kaj koncize esprimis sian opinion pri la E-o movado en Irano.

Ĉiuj ĉeestantoj esprimis siajn opiniojn. Konklude : oni decidis ke ĉiuj Esperantaj agadoj estu laŭ cele organizitaj. Kun la registaro fari komunan kaj proksiman kontakton por konatigi la Esperanton laŭ la aktualaj eblaĵoj en la kulturcentroj. IREJO devas plani sian aktivadon por disvastigi E-on en kultur-centroj oficiale pli ol antaŭe. ■

***IREJO kontakteblas per elektronika poŝ to***

Ekde Decembro oni povas kontakti IREJOn ankaŭ per elektronika poŝto. Jen la adreso : Karimi@eco.atu.ac.ir

Bonvolu en via teksto indiki "por IREJO". ■

***Azár Kárimi en Ĥaváran kulturejo***

S-ino Azár Kárimi-universitata profesorino, doktoriĝonta pri ekonomio, patrona membro de IREJO - okaze la ceremonio de unua finkurso de Esperanto en Ĥaváran kulturejo en 8.8.74 (23.11.95) faris prelegon pri la Esperanto al la studentinoj. Ŝi estis invitita flanke de "la faka studenta komisiono de Esperanto en Ĥaváran kulturejo". ■

***IREA, oni pẹnadas!***

Geesperantistoj el 7 urboj : Tehrano, Rudeheno, Ŝirazo, Kángaváro, ĤorámŜáhro, Máŝhádo, jam subskribis paperbrulaĵon espriminte siajn emojn por starigi Irana Esperanto-Asocio(IREA). La fondintaj membroj de IREA-Azár Kárimi, M.Reza Torabi, Ábbas Ĥosroabadi, Fáriba Nuri Máĝd, Ábbas Bagestani - oficiale jam faris agojn ĉe la ŝtato por registrigi la asocion. Ŝtatuloj faris konsilon pri la afero kaj la agado glate antaŭiras sian ordon. ■

***Elekto de la unua IREJO-Komitato***

La ĝenerala sekretario penadas okazigi elektadon de la unua IREJO-Komitato. Laŭ la plano, la komitato estos jam funkciita ekde

01.03.75(22.5.96). la detala informo perslingve estas jam sendita al ĉiuj membroj. ■

### IREJO-Libro Servo funkciita

Okaze de la naskiĝtago de L.L.Zamenhof kaj la tago de E-o libro, la Libro Servo de IREJO oficiale ekfunkciiĝis de 24.09.74(15.11.95). Ĉiuj Esperantaĵoj troveblaj en Irano, mendeblas ĉe ĝi. La libro-servon respondecas Ábbas Ĥosroabadi studento pri industria inĝeniero. ■

### "Hámŝ áhri" kontraŭ Esperanto

Hámŝáhri (Samurbano), la plej alt-eldonkvanta kaj la unua tutkolora ĵurnalo en Irano je la dato 2.7.75 (24.10.95) aperigis duonpaĝan artikolon kontraŭ la internacia lingvo Esperanto. Ĝia aŭtoro senscie kaj nur laŭ sia imago kritikis Esperanton, skribinte ke ĝi havas rilaton kun cionismo. Kelkaj gesamideanoj faris respondojn skribinte al la redakcio de la ĵurnalo sed oni ne aperigis la respondojn, decas ke niaj gesamideanoj laŭ siaj vicoj skribi logikajn leterojn al la redakcio de Hámŝáhri pri la aperita artikolo. ■

### Irana UEA ĉefdelegitino kontraŭ IREJO

La UEA ĉefdelegitino s-ino Ĵila Sedigi, rifuzas IREJOn. Laŭ ŝia opinio oni en IREJO malbonigas E-o movadon en Irano!. Multfoje oni en IREJO petis ŝin, fari komunan kunsidon kun ŝi kaj la aliaj fakdelegitoj de UEA en Tehrano, sed bedaŭrinde ŝi ne respondis nian peton kaj eĉ rekomendis al la UEA fakdelegitoj havi nenian rilaton kun IREJO!. Ni esperas la baldaŭan front-ŝanĝon de ŝi kontraŭ IREJO. ■

### E-o estas prezentata en Báhmán Kulturejo

Post la sukcesaj E-o kursoj en Ĥaváran Kulturejo, E-o estas prezentata ankaŭ en Báhmán Kulturejo.

Báhmán Kulturejo estas la plej bonfama kultur-centro en Irano. "La kultura kaj scienca asocio de junularo" alligita al Báhmán Kulturejo havas ne oficialan tamen plenan kunlaboron kun IREJO.

Unua ĝenerala kunsido prezentcele Esperanton, okazis date 29.10.74(19.1.96) en kiu prelegis M.Reza Torabi kaj Golam Reza Azárhuŝáng.

Posta islama revolucio(1979) unua fojo estis ke oficiale ĵurnaloj anocis informcele la okazon de E-o kunsidon kaj tiu ŝokigis multajn, kaj esperantistojn kaj ne esperantistojn. Oni sin preparas aranĝi E-o kursojn en la kulturejo. La dua ĝenerala kunsido por prezenti E-on al ĉiuj interesantoj estos aranĝita ĵaŭde 10.12.1374(29.2.1996). IREJO komisiito pri Báhmán Kulturejo estas Ábbas Ĥosroabadi. ■

## En la vitrino

این نشریه ها از دفتر اسپرانتو جوان به صورت نسخه اصل و کپی قابل دریافت می باشند:

۱. Esperanto ارگان انجمن جهانی اسپرانتو(ماهنامه) - چاپ هلند

۲. tejo-tutmonde ارگان مجمع جهانی اسپرانتودانان جوان - چاپ لهستان(فصلنامه،نسخه اصل)

۳. Kontakto ارگان مشترک TEJO و UEA برای نوآموزان اسپرانتو-چاپ هلند (دوماهانه)،

۴. Monato ماهنامه سیاسی ، اجتماعی ، بین المللی - چاپ بلژیک

۵. Eventoj دوهفته نامه خبری ، بین المللی - چاپ مجارستان

۶. Scienca Revuo ارگان مجمع علمی - بین المللی اسپرانتودانان - چاپ سویس

۷. Rok-gazeto سالنامه موسیقی اسپرانتو- چاپ فرانسه

۸. Riveroj فصلنامه ادبی بین المللی - چاپ ژاپن

۹. La Dua jarcento de Esperanto فصلنامه، ارگان موزه‌بین‌المللی اسپرانتو- اتریش

۱۰. Atestilo فصلنامه، ارگان مجمع تقریب المذاهب بین المللی -چاپ فرانسه

۱۱. Etnismo فصلنامه، ارگان جمعیت دفاع از حقوق بشر اسپرانتو - آلمان

۱۲. Esperantista Vegetarano سالنامه ارگان خام خواران اسپرانتودان - ایتالیا(نسخه اصل)

۱۳. Monda Forumo فصلنامه، ارگان یونسکو اسپرانتو- چاپ فرانسه(نسخه اصل)

۱۴. Esperanto en Azio فصلنامه خبری UEA در مورد جنبش اسپرانتو در آسیا - چاپ ژاپن

۱۵. Tutmondaj Scienco kaj Tekniko فصلنامه آکادمی علوم چین

۱۶. GEJ-Gazeto ارگان جوانان اسپرانتودان آلمان(دوماهانه)

۱۷. Koncize ارگان جوانان اسپرانتودان اروپا- چاپ آلمان (دوماهانه)

۱۸. Juenu Esperanto. ارگان جوانان اسپرانتودان فرانسه(دوماهانه)

۱۹. Monda solidareco فصلنامه صندوق جهانی همبستگی بر علیه گرسنگی- چاپ فرانسه

۲۰. i.c.e.m-esperanto فصلنامه آموزشی-تربیتی کودکان ، چاپ فرانسه

افزون بر این دهها نشریه ادواری دیگر به طور نامرتب به دفتر اسپرانتوجوان ارسال می شوند. از جمله نشریه ریاضیدانان اسپرانتودان، مجله پزشکی، رادیو آماتور، اطلاعات جهانگردی و ... که علاقه مندان می توانند کپی آنها را نیز دریافت دارند.

## En la vitrino

منتشر کرده ایم :

*Gramatika Demandaro Resuma*
*Julio Bagi*

کتابی ارزشمند در زمینه مفاهیم دستوری زبان اسپرانتو با توضیحات کامل
خواندن این کتاب را به همه علاقه مندان زبان اسپرانتو سفارش می کنیم. بهاء ۱۸۰۰ ریال

---

منتشر شد:

*Fundementoj de lineara algebro*
*D-ro Ulrich Mathias*

چاپ اول : پاییز ۱۹۹۵، آلمان
کتابی ارزشمند برای دانشجویان و علاقه مندان دانش ریاضی. بهاء ۱۸۰۰ ریال

---

*Esperantista Vegetarano*
*Organo de : Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio*

تعداد محدودی از نسخه های اصل سالنامه *EV* در دفتر اسپرانتو جوان موجود است. علاقه مندان با ارسال ۳۰۰۰ ریال تمبر باطل نشده داخل پاکت نامه به ازای هر نسخه میتوانند آنرا دریافت نمایند. شامل مجموعه مقالاتی در باره فواید گیاهخواری و خام خواری، دستورات بهداشتی و ...

---

کیف کمری با نشان *Saluton!* هدیه ای از ایتالیا

تعدادی کیف کمری با نشان *Saluton!* در دفتر اسپرانتو جوان موجود است. علاقه مندان با پرداخت ۱۲۰۰۰ ریال تمبر باطل نشده و یا ارسال وجه نقد بوسیله پست مالی به آدرس ص پ ۶۱۸-۱۳۱۸۵ به نام عباس باغستانی می توانند آنرا دریافت کنند.

---

*Esperanta Kalendaro*

تعداد محدودی تقویم دیواری اسپرانتویی سال ۱۹۹۶ میلادی موجود است. بهاء ۳۰۰۰ ریال.

---

**TURISMUMI, MONTGRIMPI, NATURUMI, ESPERANTUMI**

**Dua IREJO-EKSKURSO**

Unu semajna ekskurso ĉe Sábálan somerrestadejo.
Dato : 12-18 . 5. 1375 (3-9 . 8 . 1996)
Mendu la detalajn informojn ĉe la konstanta adreso de IREJO.